4-a JARO NOVEMBRO 1911. 1a NUMERO (37)

# BELGA ESPERANTISTO



## MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


**Redakcio :**
OSCAR VAN SCHOOR
20, VONDELSTRAAT
(20, rue Vondel)
**ANTVERPENO**

**Administracio :**
FRANS SCHOOFS
45, KLEINE BEERSTRAAT
(45, rue de la Petite Ourse)
**ANTVERPENO**

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

**Anonco pri korespondado :**

Kun la numero de la revuo en kiu ĝi estas presita . Fr. 0.50 (Sm. 0.20)

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10 — | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# Nia Kvara Jaro. 1911-12

Belga Esperantisto komenciĝas sian kvaran jaron. Dum la tri unuaj jaroj ni devis kontraŭbatali multajn malfacilaĵojn kaj malagrablaĵojn por ke nia ĵurnalo regule povu aperi kaj por ke ĝia enhavo estu ĉiam kontentiga por la legantoj. Dank'al niaj klopodoj kaj precipe dank'al la sindonema laborado de nia Direktoro S° A. VAN DER BIEST-ANDELHOF, nia celado atingis la deziritan rezultaton kaj ni povas kun certeco kaj bona espero antaŭrigardi la estontecon.

Ni esperas ke niaj abonantaj estos al ni fidelaj kaj ke ili senĉese varbu por ni novajn abonantojn, por ke nia organo povu plie kaj plie plenumi sian programon : *Esti utila kaj agrabla.*

Krom la jam nun ekzistantajn rubrikojn kiuj restos, ni malfermas en la nuna numero novan rubrikon : *El la eksterlanda literaturo.* En tiu fako ni donos intersekve tradukaĵojn de verkoj elektitaj inter la plej belaj kaj la plej interesplenaj de la Eŭropaj literaturoj. Alian rubrikon ni ankaŭ baldaŭ malfermos en kiu ni donos rimarkindajn detalojn pri la lingvoj, literaturoj kaj vivado de la malvastaj nacioj. Multnombrajn novajn korespondantojn ni nuntempe varbas en ĉiuj landoj kaj inter la plej interesaj korespondaĵoj estas citindaj la artikoloj titolotaj : *El la lando kaj la urbo de la Oka Kongreso.*

Se ni faros tiamaniere nian eblon por ke nia Belga Esperantisto konservu sian bonan vicon en la rangoj de la esperanta urnalaro ni ankaŭ esperas ke niaj abonantoj kaj legantoj bonvolu helpi nin iomete en nia laboro, por igi ĝin pli facila kaj pli malgranda. Jen kelkaj manieroj por helpi nin :

1° *Belgaj Abonantoj* : Ni sendis poŝte kvitancon al vi por la abonprezo de la nova jaro. Se ĉiuj ricevintaj ĝin pagis, nia kalkulado fariĝas multe pli malkompleksa.

2° *Fremdlandaj Abonantoj* : Ricevante tiun ĉi unuan numeron, sendu senprokraste vian abonprezon, ĉu poŝtmandate, ĉu per transpagilo, ĉu per vialandaj poŝtmarkoj, por ke ni ne deviĝu haltigi la sendadon de la sekvantaj numeroj.

3° *Belgaj Grupoj*: Sendu al ni senprokraste la liston de viaj anoj abonantaj, kune kun la mono. Tio ŝparos al ni multegon da laboro.

4° *Al Ĉiuj* : Sendu al ni regule kaj ĉiam eble plej baldaŭ la novaĵojn interesantajn la legantojn de nia revuo : se estas eble al vi, kunlaboru kaj se vi povas iamaniere havigi al ni anoncojn por nia ĵurnalo, ne preterlasu tion fari.

Se vi helpas nin, vi helpas vin mem. Ĉar estas nur por vi, karaj gelegantoj, ke ni laboras, kelkfoje dum parto de la nokto, por ke nia kara ideo pli vastiĝu, por ke la varbitoj restu fidelaj al la movado, por ke la sendiferentaj varbiĝu kaj por ke

la bela sonĝo de l'homaro
por eterna ben' efektiviĝu.

Belga Esperantisto.

---

# S-ro A. Van der Biest-Andelhof



Gravan novaĵon ni devas komuniki al niaj legantoj. Nia direktoro, S-ro Amatus Van der Biest-Andelhof, forlasas la redaktestrecon de nia Belga Esperantisto. Jam de longe ni antaŭvidis la okazon de tiu fakto, ĉar, de la kreado de Belga Esperantisto, ni vidis la grandegan sumon da laboro kiun ĉiutage produktis nia kara kolego kaj amiko, kaj ni estis certaj ke tiom da laborado havos kiel neeviteblan rezultaton la laciĝon materian kaj moralan.

Dum tri jaroj li prezidis la Belgan Ligon, kaj tra grandaj malfacilaĵoj kondukis ĝin al fina bonstato;li kunhelpis la starigon de «Belga Esperantisto» kies redakt-

estrecon oni ne povis meti en pli lertajn, pli metodajn kaj pli sindonemajn manojn ; li estis Prezidanto de la Antverpena Centra Komitato, vic-prezidanto de la Antverpena Grupo, membro de la Lingva Komitato kaj ano de la Konstanta Komitato de la Kongresoj. Krom la sesan li ĉeestis ĉiujn esperantistajn internaciajn kongresojn kaj li estis Prezidanto de la Sepa en Antverpeno. Estas neeble al ni rilati tie ĉi la multnombrajn kaj multpezajn laborojn kiuj ripozis sur liaj ŝultroj pro tiu funkcio.

Tiom da laboroj, zorgoj kaj pripensado kondukus la plej fortikajn al la laciĝo kaj estas sen surprizo sed ne sen granda bedaŭro ke ni devis akcepti la eksiĝon de nia kara direktoro.

Ĉiuj kiuj konas lin, laŭdas lian sindonemon por la Esperantista movado, liajn senlacajn klopodojn por la sukceso de nia belga Ĵurnalo, de nia belga ligo, de nia belga kongreso. Ĉiuj kiuj konas lin kaj precipe ni, bedaŭras lian eksiĝon kaj bondezirante al li baldaŭan kaj plenan resaniĝon, ni ne diras al li adiaŭ sed « Ĝis la revido ! »

Antverpeno, 15an de Novembro 1911. *Belga Esperantisto.*

---

# OFICIALAJ INFORMOJ.

## Komuniko de la Komisio por Ĝenerala Organizaĵo.

20-an de Septembro 1911.

La Sepa Universala Kongreso de Esperanto akceptis gravajn proponojn por nia movado, kaj estas utile, ke ĉiu esperantisto estu precize informata pri ĝiaj decidoj. Per la starigo de *Rajtigitaj Delegitoj*, por la venontaj kongresoj, laŭ la propono de D-ro Zamenhof mem, ĝi donos specialan valoron al la laboroj de tiuj kongresoj, kaj ebligos al ĉiuj esperantistaj grupoj la partoprenon en tiuj laboroj. Per la starigo de *Administra Komitato* por la kondukado de la Centra Oficejo laŭ la *Internacia Konsilantaro*, al kiu la kvina kongreso komisiis tiun taskon, ĝi definitive oficialigis tiun oficejon kaj ebligas, ke ĉiuj esperantistaj grupoj partoprenu la subtenadon de la dirita Centra Oficejo.

Plie, la sepa kongreso starigis specialan komision, kies celo estus studadi kaj raporti dum la oka kongreso en *Krakovo* 1912 pri jenaj demandoj :

1e *Ĝenerala organizaĵo por doni firman bazon al la oficialaj institucioj (Komitato de la Kongresoj, Lingva Komitato, Centra Oficejo), kaj por ilin subteni kaj por ilin interligi ;*

2e *Unuigo de la naciaj Esperantistaj Societoj ;*

3e *Amikaj kaj efikaj rilatoj inter la propagandaj aplikaj kaj fakaj Societoj, kiel ekz. U. E. A.*

Tiu komisio jam kunvenis en Antverpeno ; ĝi decidis elekti subkomision, kiu konsistas el S-roj *Mybs, von Frenckell kaj Kandt*, por ricevi ĉiujn proponojn pri tiu demando, ilin klasigi kaj raporti pri ili al la komisio.

Ĉiu esperantista societo, grupo aŭ eĉ ĉiu privata esperantisto, kiu havas proponon aŭ projekton por prezenti pri tiuj ĉi demandoj estas petata sendi ĝin, kiel eble plej baldaŭ, kaj almenaŭ antaŭ la 1 a de Decembro 1911, al la subkomisio, *D-ro Kandt, Neuer Markt, 8, Bromberg, Germanujo*, ĉu senpere, ĉu per la sekretario de la Centra Oficejo (51, rue de Clichy, Paris).

Oni ankaŭ sendu malnovajn projektojn, gazetartikolojn kaj ĉiun uzeblan materialon.

Post esploro de ĉiuj proponoj, la subkomisio sendos sian raporton al la tuta komisio.

Poste, tiu komisio verkos ĝeneralan projekton publikigotan minimume tri monatojn antaŭ la oka kongreso, kaj prezentotan al tiu kongreso.

Ĉiujn dokumentojn pri tiu afero kaj la oficialajn protokolojn de la sepa kongreso, kiuj rilatas al ĝi, oni trovos en la N° 4 (37), 25-a de Oktobro 1911, de *Oficiala Gazeto*.

*Je la nomo de la Komisio :*

| | |
|---|---|
| LA SEKRETARIO, | LA PREZIDANTO, |
| D-ro KANDT. | Generalo SEBERT. |

---

# Belga Ligo Esperantista.

Antverpeno, la 16an de Oktobro 1911.

***Estimata Samideano,***

Ni havas la honoron sciigi vin ke la sanstato de Sinjoro Van der Biest ne permesis al li akcepti novan mandaton ; konsekvence, la ĉeestantoj de la komitata kunveno, okazinta en Bruselo la 8an de ĉi tiu monato, kunmetis jene la estraron de la Ligo :

| | |
|---|---|
| Prezidanto : | S-roj A. J. WITTERIJCK, 4 Nieuwe Wandeling Brugge. |
| Vic Prezidantoj : | Pastro RICHARDSON, Bruxelles. |
| | L. DELVAUX, Charleroi. |
| Ĝe^la^ Sekretario : | LÉON CHAMPY, Lge Herenthalsstraat, 19, Antwerpen. |
| Kasisto : | FERN. MATHIEUX, Marché aux Poulets, 49 Bruxelles. |

Ĉiu interskribo ne sin rilatanta, speciale, al la Prezidanto, devas esti sendata al la ĝenerala Sekretario.

Ni prezentas al vi, Estimata Samideano, nian plej afablan saluton.

| | |
|---|---|
| La Ĝenerala Sekretario | La Prezidanto |
| L. CHAMPY | A. J. WITTERIJCK |

## Protokolo pri la komitata kunveno de la Belga Ligo Esperantista okazinta la 12an de marto, en la salono de « Hotel du Moulin d'Or » en Brussel.

S-ro **Van der Biest-Andelhof**, prezidanto, malfermas la kunsidon je la 10a. Ĉeestas : *Delegitoj de la ĝenerala kunveno :* S-roj Champy, Dupont, Pastro Richardson kaj Van Schoor. Senkulpiĝis : S-ro Swagers.

*Delegitoj de la Grupoj :* S-roj Finet kaj Van der Biest-Andelhof (A. G. E.) ; Hermans kaj Schoofs (V. S. A.) ; Van Gansen (S. L. A.) ; D ro Van der Biest, anstataŭanta F-inon Ceulemans (Fervoro) ; Albert kaj Scuvée (Beyne-Heusay) ; Clerbaut (B. G.) ; F-ino Posenaer (Laboro) ; F-ino Ledène kaj S ro Witteryck (Brugge) ; S-roj Mathieux (B. G.) ; Lamberts (Z. G.) ; Petiau, anstataŭanta S-ron Sebruyns, (G. G.) ; F-ino Bisqueret, anstaŭanta S-ron Thiry (Huy) ; S-roj Delvaux (Charleroi) ; Van de Stadt (Mariaburg) ; Baez (St-Gillis).

Senkulpiĝis : S roj Van Peteghem kaj Vatriquant.

Ĉar 24 delegitoj ĉeestas, la kunsidantaro rajtas voĉdoni.

1. — **La Sekretario** legas la protokolon de la lasta kunveno. La prezidanto proponas ŝanĝon de la teksto pri la unua punkto kaj esprimas la deziron ke la protokolo enhavu la plenan komunikaĵon faritan de li pri la Antverpena Kongreso, Akceptata.

2. — **S-ro Champy** dissendis kelkajn tagojn antaŭ la nuna kunveno plenan projekton pri reformoj al la regularo de la Ligo, celante ĝin plibonigi kaj doni novan forton al la ĝenerala esperantista movado en nia lando.

Antaŭ ol esplori la projekton, la Prezidanto malfermas la diskutadon pri la utileco de ŝanĝoj kaj aldonoj montritaj en la cirkulero de S-ro Champy.

Kelkaj delegitoj parolas favore pri ili, aliaj malfavore. La Prezidanto kontraŭbataladas la necesecon de la projekto kaj la plimulto akceptas lian opinion.

3. — **D-ro Van der Biest** proponas ke la kunsidantaro konfidu al speciala komisio la organizadon de la postkongresa vojaĝo tra Belgujo ; li proponas nomaron de delegitoj el diversaj urboj. Akceptata.

4. — **La Prezidanto** klarigas kelkajn punktojn pri la financa stato kaj sciigas novajn rezultatojn pri la entrepreno « La Soldo por Esperanto ».

5. — **S-ro Delvaux** raportas pri la organizado de la IIIa Belga Kongreso. La definitiva programo aperos en la proksima numero de Belga Esperantisto.

La kunsido disiĝas je la 13 1/2a.

La ĝenerala sekretario :
L. CHAMPY.

# La Fiŝkaptisto

Esperantaj paroloj de
Oscar VAN SCHOOR

Muziko notita de
PR. VAN DUIJSE

Tradukaĵo de la mezepoka flandra kanta « Het Looze Visschertje ».




Sed la muelistino
Ekstaris je la pord', ja pord' !
« Ne iru, fiŝkaptisto,
Ĝis la rivera bord', ja bord' ! »

*Rekantaĵo*
Kun via pako, kun via sako
Kun via kano, en via mano
Kun viaj belaj, ledaj botoj } 2 foje
Vi gaje marŝas tra la voj' ! }

Malbonan kion faris,
Mi, ĉarma junulin' ? ja mi !
Kaj kial tie staris
Vi haltigante min ? ja vi !

*Rekantaĵo*
Kun mia pako, kun mia sako
Kun mia kano, en mia mano,
Kun miaj belaj, ledaj botoj, } 2 foje
Mi gaje marŝas tra la voj' ! }

Ho vi neniel pekis,
Mi ne kulpigas vin, ja vin !
Sed antaŭ ol foriri,
Trifoje kisu min, ja min !

*Rekantaĵo*
Kun via pako, kun via sako,
Kun via kano, en via mano,
Kun viai belaj, ledaj botoj, } 2 foje
Vi gaje marŝu tra la voj' ! }

# Internaciaj Fakaj Societoj.

## Universala Esperanto-Asocio.

— Unu el la ĉefaj rezultatoj de la dua Kongreso de U. E. A. estis la starigo de fakaj sekcioj. Tiuj fakaj sekcioj, kiuj povas ĥavi apartan nomon, celas plifaciligi la rilatojn inter la personoj interesiĝantaj pri sama fako, studi la demandojn kiuj koncernas la servaron de tiu fako, kaj propagandi U. E. A. kaj Esperanton ĉe siaj samfakanoj. La aliĝo al tiuj fakoj estas laŭvola. Ĉiu membro devos, kompreneble, esti samtempe Esperantiano. Ĉiu fako eldonos specialan bultenon, kiu estos senpage sendata al ĉiuj ĝiaj membroj. La faka kotizaĵo estas 50 Sd. jare pagebla tuj de nun, ĉu senpere al la Centra oficejo de U. E. A., ĉu al la Delegitoj de U. E. A.

Por 1912 la Komitato decidis la kreadon de la jenaj fakoj, kies regularoj estis voĉdonitaj : —

*Interŝanĝa Fako* (*aŭ Universala Interŝanĝa Asocio*)
Fakestro : S-ro M. Lévy. Organo : Interŝanĝa Bulteno.

*Laborista Fako* (*aŭ Universala Laborista Asocio*)
Fakestro : S-ro Ed. Parker. Organo : Laborista Bulteno,

*Virina Fako* (*aŭ Universala Virina Asocio*)
Fakestrino : S-ino Legrelle de Ferrer. Organo : Virina Bulteno.

— Por helpi al la plibonigo de la financa situacio estis starigita nova kategorio de *Subtenantaj Membroj*. Tiuj membroj pagos kotizaĵon de 2 Sm. (entenantan la ordinaran membran kotizaĵon). Ili senpage ricevos ĉiujn aldonojn de la jarlibro.

— Ĉar la societa jaro de U. E. A. komenciĝas la unuan de Novembro, oni de nun pagu sian kotizaĵon por 1912. Kiel la lastan jaron, la kotizaĵo estas 50 Sd. kaj rajtigas al senpaga ricevo de la oficiala Jarlibro.

— La Jarlibro de U. E. A. por 1912 aperos en Decembro. Oni, do, bonvolu sendi, antaŭ la fino de Novembro, ĉiujn korektojn, adresŝanĝojn, aliĝojn aŭ re-aliĝojn de Esperantiaj Entreprenoj, k. t. p. Ni speciale atentigas la Esperantistajn Societojn, ke aliĝante kiel Esperantiaj Entreprenoj (kotizaĵo 2 Sm.), ili estos enregistrigataj en la Jarlibro kun ĉiuj informoj pri sia estraro, adreso, kunvenejo, k. t. p.

— Dum 1911 la nombro de la Esperantianoj atingis **7804**. En **113** regionoj estis pli ol 20 membroj.

(Oficiale komunikita).

## Kristana Kunveno dum la 7a Esperanta Kongreso en Antwerpen.

Je vendredo, la 25an de Aŭgusto, en la Reĝa Ateneo, okazis tre grava kunveno de Kristanaj Esperantistoj. Partoprenis samcelanoj el 7 diversaj landoj. Oni decidis. baldaŭ fondi internacian organizaĵon inter Kristanaj Esperantistoj kaj elektis komision

de 5 membroj kiuj estas: S-ro W. M. PAGE (Skotlando), S-ro H. A. LUYKEN (Anglujo), S ro SAM. MEYER (Francujo), S-ro L. E. CATLIN (Usono) kaj S ro P. HÜBNER (Germanujo) Oni volonte akceptas proponojn de aliaj samcelanoj. La laboroj de la komisio estos publikigataj en « Dia Regno ». Kiu interesiĝas pri la afero, skibu al: *Paul Hübner, Dellbrück ap. Köln* (Germanujo). Oni ankaŭ eldonos poŝtkartojn kun la fotografaĵo de la Kristana kunveno en Antwerpen.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**CHARLEROI.** — La diversaj manifestacioj de la 3a belga kongreso kaj la vizito de la fremdlandaj esperantistoj dum la postkongresa vojaĝo faris grandan impreson en la regiono de Charleroi. Nun, en tiu urbo, ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj interesiĝas je la lingvo internacia. La propaganda laboro estas tiel bone farita ke, mirinda sukceso! **156** novaj lernantoj sekvas la kurson de profesoro Delvaux; la grandega studĉambro de la Ateneo en kiu la kurso havas lokon ĉiulunde vespere, ne plu sufiĉas por enteni la ĉeestantojn

Ni aldonu ke multaj influaj industriistoj de la regiono enskribigis sin kiel protektantajn membrojn de la karloreĝo Grupo.

**ANTWERPEN. — Antverpena Grupo Esperantista.** — La 4an kaj 7an de Oktobro la grupo malfermis siajn kursojn. La unuan por virinoj donas S-ro J. Jacobs ĉiumerkrede de la 17a ĝis la 18a vespero en la Urba instituto nº 2. Eikenstraat. La dua estas komuna kurso; ĝi okazas ĉiusabate de la 21a ĝis la 22a vespere en la reĝa Ateneo; la instruanto de la lasta kurso estas nia agema samideano S-ro Ad. Finet, S-ro J. Jacobs, instruisto, prenis sur sin la kurson por sinjorinoj; la 8an, de novembro, malfermiĝis perfektiga kurso por virinoj; ĝi okazas en la sama lernejo, tuj post la elementa kurso; ĉirkaŭ 85 gelernantoj sekvas tiujn kursojn.

— La Grupo **Verda Stelo** organizis du kursojn kiujn sekvas ĉirkaŭ 90 novaj membroj, ĉiumarde kaj ĉiujaŭde en la Komunuma Lernejo de la Groote Hondstraat. Tiun rezultaton ni ŝuldas al la du paroladoj faritaj en tiu grupo de la vigla prezidanto kaj instruanto, S-ro Frans Schoofs (10an kaj 12an de Oktobro).

— **Syndikaat van Handel en Nijverheid.** — Estas vera plezuro konstati la ĉiam kreskantan progresadon de nia movado. La 26an de Oktobro, tiu societo inaŭguris sian novan Esperantan kurson per belega parolado, flandralingve farita de S-ro Prof. A. Vermandel. Lia parolado faris grandan impreson kaj la ĉeestantoj entuziasme aplaŭdis kaj 35 lernantoj enskribigis sin je la kurso, okazanta ĉiujaŭde de 20 1/2an ĝis la 22a vespere.

— Post parolado en la lokalo *De Werker* farita de S-ro S. Weisz, sin enskribigis 30 lernantoj por sekvi la kurson donotan de la paroladinto.

— En la **Kristana Unuiĝo de Junuloj**, nia amiko F. Mathieux el Bruselo, faris paroladon la 22an Oktobron. 20 lernantoj sekvas la kurson gvidatan de S-ro Frans Schoofs.

— La grupo **Libera Penso** organizis kurson ĉiumerkrede faritan de S-ro J. Jacobs. 30 lernantoj aliĝis.S ro Frans Schoofs faris la introdukan paroladon.

— La grupo **Suda Lumo** malfermis la novan sezonon per parolado de S-ro Jacobs. La sama samideano donas ĉiujaŭde la kurson, kiun ĉeestas pli ol 70 lernantoj.

— Baldaŭ la Antverpena Sekcio de la **Ruĝa Kruco** organizos esperantan kurson. Same faros la Policistaro. Oni ankaŭ anoncas novan kurson por la havengvardistoj.

**BRUGGE.** — **Bruga Grupo Esperantista.** — Esperanta kurso estas malfermita en Brugo la 18an de Oktobro en la sidejo de la Grupo, Cornet d'Or, Simon Stevens placo.

**MOLENBEEK St JEAN.** — Ni sciiĝis kun plezuro ke la 16an de Oktobro estas malfermita en la «Université populaire» Esperanta kurso, kiu okazas ĉiulunde, je 8 1/4a vespere.

**GENTO.** — La « Genta Esperantista Grupo » brile malfermis la esperantan jaron 1911/1912 per belega festo, kiu okazis la 29an de Oktobro en la festĉambrego, de la Reĝa societo, «La Melomanoj». Kunhelpis al la sukceso de la festo per sia ŝatinda kunlaboro, S-ino Ten Berge, S-iroj J. Drubbel, E. De Groote, E. Proot, kaj la drama sekcio de la Gento Grupo kiu ludis «*Por kvietaj personoj*» kaj «*Amours Espèrantistes*».

S-ro Albert Maertens, honora prezidanto de la Genta Esperantista Grupo, parolis tre talente pri «*Esperanto*».

**BRUSSEL.**—La 3an de Oktobro la Poliglota Klubo malfermis la kursojn per paroladetoj faritaj de la multlingvaj profesoroj. Je la fino, Fraŭlino Moreau anoncis ke la Esperanta sekcio de la klubo komencos kurson por la anoj de la klubo. La ĉeestantoj multnombraj varme aplaŭdis tiun sciigon.

**BORGERHOUT.** — En la grupo **Laboro** post parolado farita la 18an de Oktobro de S-ro Frans Schoofs, 20 lernantoj enskribigis sin por la kurso farota de la prezidanto de Laboro, S-ro Marius Roe.

— En la Sekcio de la Ruĝa Kruco, 20 lernantoj sekvas la kurson de S-ro Caris, kiu ankaŭ faris la malferman paroladon.

**BERCHEM.** — Oni anoncas baldaŭan malfermon de novaj kursoj organizotaj de la **Berchema Grupo** kaj de la **Berchema Sekcio de la Ruĝa Kruco.**

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

**Venezuelo.** — En la urbo Parlamaro fondiĝis Esperantista Societo. Prezidanto : S-ro Eleuterio Rosario Campo ; Sekretario : Fernando R. Rivas.

**Hungarujo.** — En la tuta lando nia movado bone progreskas. S-ro A. Gieswein, Parlamenta delegito, petis la parlamenton ke ĝi decidu pri instruado de Esperanto en la hungaraj lernejoj.

**Grekujo.** — La nombro de lernantoj de la lernejoj en Samos, kiujn oni nun instruas pri Esperanto estas 1043.

**Novzelando.** — Multaj viglaj grupoj ekzistas kaj la kursoj plimultiĝas.

**Egiptujo.** — Nacia propaganda societo fondiĝis sub la nomo « Egipta Esperanto Asocio »

---

# POEZIAĴOJ.

## La korvo kaj la vulpo.

Laŭ la originalo de Jean de La Fontaine.
Esp. F-ino M. Küster, Magdeburg.

Sur arbo majstro korvo sidanta
En sia beko fromaĝon tenis;
Pro la odoro alloganta
Kun tiuj ĉi vortoj vulpo venis:
„He, bonan tagon, korva moŝto via
Tiel ĉarma kaj bela, laŭ juĝo mia,
Sen mensog', se al la plumaro
Egalas kanto de vi, en la arbaro
Inter ĝiaj loĝantoj fenikso estas vi."
La korvo raviĝas pri tia dirajo;
Belan voĉon volas montri li
Malfermante la bekon. Jen falas rabajo.
La vulpo ĝin kaptis kaj diris: „Karulo,
Sciu; ĉiam la flatulo
Vivas per kostoj de l'aŭskultanto;
Fromaĝon meritas la instruanto."
La korvo, hontema kaj konfuza,
Ĵuris estonte fariĝi pli ruza.

## Sur ĉiu flanko tri.

Laŭ germ. lingvo
esp. F-ino M. Küster.

Ĉe la fenestro sidis
Brodante Elza. Ŝi
Ses fruntobuklojn havis.
Sur ĉiu flanko tri.

Junulo preterpasis
Kun koro da pasi',
Ses harojn sur la lipoj,
Sur ĉiu flanko tri.

Kaj antaŭ la fraŭlino
Ekamindumis li,
Ses kisojn jetis supren,
Al ĉiu flanko tri.

La patro tion vidis,
Kaj kun indigna kri'
Ses batojn al li donis,
Sur ĉiun flankon tri.

---

# La Senlaca Sinofero

*Novelo originale verkita kaj premiita en la konkurso de BELGA ESPERANTISTO*

**Verkita de F-ino JOHANINE FLOURENS, (Roksano) el Béziers (Francujo)**

7an de Majo.

Je la 1a horo posttagmeze.

Tre kara Roberto,

« Sendube mirigos vin la fakto, ke mian ĉiusemajnan leteron
» mi ne skribis frumatene kiel kutime, kaj vi certe demandos
» vin, kia grava laboro, ŝanĝante ion en la programo de mia
» tiom metode aranĝita vivo, malfruigis je sep horoj la korĝojegon
» babiladi kun vi. Nu, divenu karulo mia; sed ne, mi ne volas,
» ke vi vane kaj senutile cerbumu; jes, vane kaj senutile, ĉar
» vi ne konjektos, ke hodiaŭ matene, je la sesa, mi eble cent
» fojojn prenis kaj forĵetis mian plumingon dum maldolĉaj larmoj
» fluadis sur mian skribotablon. Kio okazis al vi, reĝino mia?
» vi nedubeble ekkrios kun profunda korpremateco. Ĉu malsana

» estas nia amata filineto ? » Ne, kara amiko, trankviliĝu ; sanega
» estas nia Gizelo, kiun ni ĉiam nomis « nia filineto », kaj kiu
» nun estas tre bela dekokjara junulino. Kio do kaŭzis mian
» ploradon ? Ha ? Mi timas, ke vi juĝos tion ridinda ; tamen mi
» ĝin tuj konigos al vi. Unue, pardonu, ke mi jam de longe havis
» sekreton kun vi, mi, kiu kutimis kvazaŭ nudigi mian animon
» antaŭ vi, por ke en ĝi vi legu pli facile, ol en malfermita libro.
» Ho ! mia amato, montri al vi eĉ la plej intiman profundon de
» mia animo estas io ne dolora, sed... sed montri al vi, kvankam
» nur letere,... mian kapon, sur kiu troviĝas, ho ve !... pli kaj
» pli multiĝantaj blankaj haroj estas io terure suferiga. Post via
» longa forestado, se vi trovus min tro maljuniĝinta, se via amo
» ĉesus... ho ! mia Dio, kio mi fariĝus ? For, for de mi tiu kor-
» premeganta penso. Jen denove miaj okuloj pleniĝas de larmoj ;
» estas preferinde, ke mi finu mian leteron.

« Do, ĝis via kara respondo.

« Ĉiam kaj por ĉiam via
« HEDVIGO »

17an de Majo

Amatino mia,

« Ĉu eble vi, fortanimulino, tiom kuraĝa dum malĝojegaj
« tagoj, ploris pro blankaj kapharoj ? Ĉu eble vi povis dubi
« pri mia fidindeco ? Ho ! kara mia, kiom riproĉinda vi estas !...
« Ĉu mi bezonas rekuraĝigi vin, certigante, ke por mi, vi ĉiam
« estos, eĉ kun tute blanka hararo, la plej bela el la belulinoj ?
« Per kio povas min tuŝi fizikaj ĉarmoj ? Ĉu iu alia junulino
« posedas vian moralan belecon ? Kiu deksesjarulino pasigus,
« tiel sindoneme kiel vi, du jarojn apud kripla patrino, flegante
« ŝin konstante dum tagoj kaj noktoj ? Kiu dekokjara orfino
« per tiel plena sinoferado sin dediĉus al la edukado de juna
« fratino ? Certe, ne multaj virinoj estas blankharaj en sia
« dudekkvina jaro, ĉar ne multaj estas admirinde memforgesemaj
« kiel vi, karegulino mia.

« Tial, ne ploru ; kaj ne timu, ke eĉ ŝanĝetos mia sento
« al vi. Post unu monato, kiam — ho ! nepriskribebla feliĉo —
« mi premos vin al mia brusto, ĉaste kisante vian frunton, vi
« tiam aŭdos mian koron. Tiu ĉi ja batos tiel rapide kaj forte
« kiel antaŭ sep jaroj, kiam mi forŝiriĝis de vi ; vi tiam sentos
« min tremantan pro malpacienco, por kisi viajn lipojn. Tiun ĉi
« superegan feliĉon mi ĝuos post nelonge, kiam vi fine estos
« mia multamata edzino.

« Eble kiam vi legos tiujn ĉi miajn liniojn, viaj larmoj
« denove « fluos ; sed, konjekteble, ili estos larmoj de ĝojo,
« ĉu ne, altanima Hedvigo ? Se vi permesas, mi, per la penso,
« trinkos ilin el viaj belaj okuloj.

« Atendante pli korĝojigan leteron, mi diras al vi : Ĝis « baldaŭ ! »

« Via por la tuta vivo kaj eterno.

« ROBERTO »

« P. S. — Faru patran kison al nia Gizelo, kiun mi vere amas » kiel patro. »

* * *

— Kiun robon mi surmetos, panjo Hedvigo, por iri ĉe la koncerton de Sinjorino Lenkelmo ? Ĉu la blankan aŭ la bluan ?

— La bluan, kiu estas samkolora kiel viaj grandaj okuloj, bela anĝeleto.

— Ho ! Ne tute samkolora, ĉar miaj nigraj okulharoj faras stranga la bluon de miaj okuloj.

— Ĉu do senĉese vi devigos min ripeti, ke junulino devas ignori siajn ĉarmojn ?

— Sed kial do vi ĉiam parolas pri mia beleco, aldirante, ke mi rajtos elekti mian edzon, ĉar iu ajn elektita de mi junulo neevitеble enamiĝos al mi ?

— Tial ke patrino tro multe fieriĝas pri sia filino kaj vidas ŝin pli bela, ol ŝi estas reale ; sed, babilante, ni ne laboras, Gizelo, kaj post dek tagoj kiam alvenos Roberto, via pentraĵo ne estos finita.

— Kial vi nomas ĝin « pentraĵo » ? La vorto « fuŝpentraĵo » estus sendube pli ĝusta. Mi tre timas ja, ke mia estonta bofrato ne laŭdos min pri ĝi. Kiu scias, ĉu en ĝi li eĉ rekonos sin ? Ha ! Se li pozus antaŭ mi, aŭ se mi povus reprezenti mem al mi liajn trajtojn.., sed ĉu mi, povas fari ion bonan, kiam antaŭ miaj okuloj-miaj *stran-ge be-laj* okuloj, laŭ la tro laŭda opinio de mia pri mi tro fiera panjo Hedvigo — mi havas nur fotografaĵon de iu, kies vizaĝon mi tute ne memoras ? Feliĉe, vi promesis, ke kiel rekompencon vi aĉetos por mi luksan ĉapelon kun blankaj strut-plumoj, per kiu mi unuafoje kapvestos min en tiu tago, kiam alvenos via fianĉo ; se ne estus tiel, mi eble ne daŭrigus mian neamuzan laboron.

— Ĉu vi ne aŭdis, ke iu sonorigis, fratineto ?

Gracia kaj facilmova kiel aera feino, Gizelo kuris al la pordo kaj revenis, portante telegramon.

— Ĉu ĝi estas telegramo por mi ? tremante demandis Hedvigo. Ĉu de Roberto ? Kio okazis al li ?

Sed tuj ŝi legis kun neimagebla ĝojo :

« Surprizon ! Mi alveturos hodiaŭ je la sesa.

« VIA

« ROBERTO ».

— Baldaŭ li estos tie ĉi, en nia urbo, apud mi ; mi lin revidos ; kun li mi interparolos, ho ! diinda feliĉo !... Ni devas rapidi, Gizelo, precipe vi, kiu bezonas tiel longan tempon, por vin vesti. Estas jam la duono de la kvina. Iru kaj ne restu senfine antaŭ via spegulo.

— Tiom pli ke ni devos viziti ĉapelistinojn, por aĉeti la promesitan ĉapelon.

— Vi sendube ŝercas, Gizelo. Ni ne havas tempon sufiĉan, por tia aĉeto, kiun ni povas ja prokrasti ĝis morgaŭ.

— Ne mi, sed vi ŝercas, Hedvigo. Morgaŭ! Morgaŭ kiam vi apudestos vian karulon, ĉu vi atentos pri mi? De viaj pensoj mi estos for.

— Ĉu vi, Gizelo, tiel parolas?

— Mian fidon, ĉu mi povas alimaniere opinii? Ĉu vi ne jus pruvis, ke ĉar tuj alvenos tiu via sinjoro, jam ne restas plu loko por mi en via koro? Ĉu antaŭe vi maltimis malplezurigi min?

— Vi estas maljuste kruela, Gizelo.

— Viaj epitetoj lasas min indiferenta; diru, ĉu jes aŭ ĉu ne, hodiaŭ ni aĉetos la ĉapelon. Neokaze, vi foriru, se vi volos; mi ne akompanos vin kaj mi disŝiros la pentrajon.

— Ho! Postulema infano. Iru kaj revenu tuj; vi havos vian ĉapelon, por iri al stacidomo.

* * *

Unu horon poste, kiam ambaŭ fratinoj paŝis sur la kajo de la stacidomo, nur Gizelo parolis, dum, ĉirkaŭ ŝi, admiroplena murmuro aŭdiĝis el la gevojaĝontoj, ĉar virinoj same kiel viroj ne povis sin deteni ekkrii: «Ho! Kiom rave bela ŝi estas!»

Do, nur Gizelo parolis kaj tute ne atendis ŝian ĝojan babiladon la kormaltrankvila Hedvigo, kiu malgraŭ la certigoj de sia franĉo antaŭtimis lian alvenon samgrade kiel ŝi sopiris al ĝi. Ŝi sentis ion nedifineblan, kaj plej doloraj antaŭsentoj superplenigis ŝian animon.

Fine aperis la vagonaro, kiu kun tondra bruo proksimiĝas kaj eniras en la stacion. Tiam, belaspekta dudeksepjara viro kun senpaciencaj movoj jam malfermis la pordon de sia fako kaj rapide saltas el ĝi, kiam ankoraŭ ne haltis la vagonaro, al kiu tuj ekkuras unuj por iri renkonten al karaj alveturintoj aliaj, por envagoniĝi. Sola restas senmove Hedvigo, al kiu ŝia fratino demandas:

— Ĉu vi ne ekvidas Roberton?

Sed Hedvigo estas palega kiel mortintino; ŝia tiom kortrafanta emocio retenis en la interna profundo la iradon de ŝia sango; ŝi preskaŭ ne povas teni sin staranta; per sentona, apenaŭ aŭdebla voĉo ŝi diras al Gizelo:

— Kuru, kuru al Roberto. Tiel senfortigita de supermezura korfeliĉego mi estas, ke mi ne povas eĉ alpasi. Rapidu, karegulineto.

Tion dirante, ŝi montras la jus elvagoniĝintan junulon kiu ĉiuflanken rigardas per esploremaj brunokuloj, brilantaj pro forto de volado, kaj kies iom dikaj lipoj, sub nigraj lipharoj, esprimas samtempe energion kaj mildecon.

Gizelo rapidiris al li, sed li estis tuj preterpasonta ŝin, ne rimarkinte tiun belulinon, kiam ŝi per voĉo pli belsona ol melodio laŭtvokis :

— Roberto ! Roberto !

Li subite haltis, mirante, kaj scivoleme demandis :

— Fraŭlino ... ?

— ... Gizelo », aldiris la fraŭlino, tiel finante lian demandan frazon.

Tiam, li restis antaŭ ŝi senparole, kun ekstaza rigardo al tiu diino de la beleco. Liaj okuloj montris tian sinceran admiron, ke la vangoj de Gizelo tute ruĝiĝis. Fine, li balbutis :

— Gizelo ! Vi ! ! Ĉu eble ! ! ! Tiom adorinda ! ! !

Kaj li ŝin respekte salutis, tremante, ne kuraĝante etendi la manon al ŝi, kiu pli kaj pli ruĝiĝis, dum neniam sentita — ho ! kiom dolĉa — emocio elbordiĝis el ŝia animo, plirapidigante la batojn de ŝia koro. Timeme, ŝi direktis al li la rigardon de siaj penetremaj okuloj, sed li deturnis la kapon, kiun li skuis, kvazaŭ li volus forpuŝi neefektivigeblan belan revon, kaj kun peno demandis :

— Hedvigo ?

— Ŝi estas tie ĉi ; venu.

Li ŝin sekvis.

Sed tuj en ĉeesto de sia fianĉino jam antaŭtempe maljunigita de la moraĺaj suferoj, kiam li ekvidis, ke ŝia frunto estas malglatigita de multaj haŭtfaldetoj, ke ŝiaj bele artikaj brovoj estas apartigitaj de vertikale direktiĝanta kava linio, ke ŝiaj tempioj prezentas desegnon formitan de sulketaraj faskoj, tiam li sentis akutan disŝiriĝon en sia koro, kiu ne tiel forte batis,... kiel antaŭ kelkaj semajnoj li insiste promesis. Tiom malvarma estis lia kiso, ke glaciiĝis la sango de Hedvigo, kiu frostotremante riproĉe rigardis la amaton. Ho ve ! Nek ŝian rigardon, nek ŝian malĝojon li rimarkis ; iel diri, Gizelo plenigis liajn okulojn, kiel ŝi jam plenigis lian koron kaj animon.

— Kun kiu do parolas Gizelo ? Kiu estas kun ŝi ? demandis al si Hedvigo, kiu, reenhejmiĝante kaj aŭdante voĉoj malantaŭ la pordo de la saloneto, tuj dolorpremiĝis, ĉar instinkte ŝi pensis :

— Tio estas Li.... Ĉu ne estus pli bone, ke mi foriru ?

Sed nevenkebla forto ŝin kvazaŭ alnajlis al la sojlo, kaj malbonfaranta diajo blovis en ŝiajn orelojn :

— Kial foriri ? Ĉu por ne koni la realecon, por daŭrigi vian dubon ? Nu ! Vi estas malkuraĝa ; vi devas resti, vi devas aŭskulti, vi devas rigardi, por juĝi pri la fideleco de via amato, por konvinkiĝi, ke vi estas plene forlasita.

Kaj ŝi restis, la kompatinda, kaj ŝi aŭskultis, kaj al truo de la seruro ŝi proksimiĝis per la okulo, kaj, ve ! ŝi vidis de si nekonitan Evidinon. Tiom aliigita de la venkanta amo estis ŝia fratino, ke ŝi ne rekonis sian Gizelon multe pli belan ol iam

antaŭe, sian Gizelon al kiu dum duonsekundo ŝi sentis envion, ĵaluzon, malamon.

Vere inda de la peniko de l'plej fama pentristo estis tiu ensorĉanta Venuso en sia orbrila vestaĵo : ŝiaj tiel, tiel longaj kaj densaj blondaj kapharoj ŝin kovris ja tute, ĝis la maleoloj. Ŝia malgranda purpura buŝo, buŝo de senkulpa infano, ŝajne farita nur por kisoj, malfermiĝis en ekstaza rideto, aperigante du vicojn da brilegaj perloj. La mirinda karnokoloro de ŝia perfekte ovala vizaĝo montris sanon, vivon kaj precipe.... junecon. Ŝiaj longeaj nigraj okulharoj ĵetis ombron sur ŝiajn belajn vangojn, dum ŝi ame rigardis Roberton, kiu genue antaŭ ŝi diris kun neretenebla pasio :

— Gizelo, mian tutan vivon mi senŝanceliĝe fordonus, por havi, nur dum unu monato, la rajton vivadi kiel sklavo ĉe viaj piedoj.

Kaj senprudentiĝante,li kisis ŝiajn longajn delikatajn fingrojn kun rozkoloraj brilaj ungoj, ŝiajn blankajn brakojn nudajn en la hejmorobo, ebriigante ŝin, kiu en nepriskribebla ravo demandis :

— Ĉu vere vi amas min, Roberto ?

— Ho Gizelo bela ! kun ĉiuj fortoj de mia korpo kaj animo, li respondis stariĝante kaj rigardante ŝin per okuloj tiel helaj, tiel sinceraj, ke neeble estas dubi pri lia veremeco. Kaj kun rapidbatanta koro li aldiris :

— Kaj vi, senkonpara diino, ĉu vi amas vian humilan adoranton ?

Ŝi malrapide relevis siajn palpebrojn, kaj plej elokvente jesis ŝiaj grandegaj okuloj, kiuj nun havas tute novan esprimon. Sub la fajroplena rigardo de la supermezure feliĉa Roberto, ŝi kvazaŭ elektre skuita ŝanceliĝis kaj sin ellasis ĝuste inter liaj etenditaj brakoj. Ŝia kapo sin klinis al lia ŝultro, kaj... iliaj lipoj kuniĝis, dum la junulo murmuris :

— Ho ! Belega amatino mia, kiom enviinde feliĉa mi faros vin !

(DAŬRIGOTA.)

---

# El fremdlandaj literaturoj.

## Edmondo de Amicis

La granda — ĉie tre ŝatata — itala verkisto, Edmondo de Amicis,kiu mortis antaŭ 3 jaroj, eldonis multajn belegajn verkojn. Neniu tamen estas tiel bela tiel kortuŝanta kiel lia verko titolata : CUORE,t. e. KORO.. Kun simplegaj materialoj, de Amicis faris en tiu ĉi libro, idealistan ĉefverkon, kiun rajtege ĉiuj inter la plej belaj literaturoj de la mondo povas envii al la itala verkistaro.

De Amicis metas siajn legantojn en lernejon de la Torina urbo kaj per la plumo de juna lernanto, li desegnas serion da pentraĵoj, kiuj estas mirindaj, belkoloraj kaj kortuŝaj. Ĉio kio trafis la koron aŭ la spiriton de la juna lernanto estas enskribita. Ĉio estas freŝa, belega, kortuŝa en tiu libro. Inter la plej

belaj de la ĉefverketoj kiujn enhavas tiu libro, ni povas nomi : La piccola vedetta lombarda ; Il piccolo scrivano fiorentino ; il tamburino sardo ; L'infermiere di Tata ; Dagli Appennini alle Ande ; Sangue Romagnolo ; Re Umberto, k. t. p.

En la sekvantaj paĝoj, mi tradukis tiu 1 lastan malgrandan historieton,sintrovantan en tiu grandidea libro : mi neniam legis ĝin en la originala teksto sen ke larmoj malsekigis miajn okulojn.

Tial mi tradukis ĝin por niaj legantoj, esperante ke ili ankaŭ ĝuu tiajn belajn, tiajn belegajn sentojn kiujn esprimas de Amicis per tiel simplegaj vortoj.

Oscar Van Schoor.

---

# REĜO UMBERTO.

LUNDON, trian de Aprilo.

Ĝuste je la deka, mia patro vidis, tra la fenestro, Koretti, la vendiston de ligno, kun lia filo, kiuj atendis min en la strato kaj li diris al mi : « Jen, ili estas tie, Enriko, iru nun vidi vian reĝon.

Mi foriris kiel sago. La patro kaj la filo estis multe pli ĝojaj ol kutime kaj neniam ŝajnis al mi ke ili estis tiel similaj kiel tiun ĉi matenon. La patro portis sur sia vesto la krucon de merito, meze de la du memoraj medaloj kaj liaj lipharoj estis turnitaj tiel pinte kaj akute kiel du kudriloj.

Ni tuje iris al la stacidomo de la fervojo, kie la reĝo estis alvenonta je la duono de la dekunua. La patro de Koretti fumis pipon kaj frotis siajn manojn. « Ĉu vi scias, li diris, ke, de la milito de 66, mi lin ne vidis plu ? Dekkvin jarojn kaj ses monatojn ! Unue mi estis dum tri jaroj en Francujo, poste en Mondovio kaj tie ĉi mi estus povinta vidi lin sed bedaŭrinde mi neniam estis en la urbo kiam li venis. Kiel tio povas okazi ! »

Li nomis la reĝon : « Umberto », kvazaŭ li estis lia kolego. — « Umberto komandis la 16an regimenton ; Umberto havis » tiam dudek jarojn kaj tiom da tagoj : Umberto rajdis sur ĉevalo » kiu estis tiel kaj tiel. »

« Dekkvin jarojn», li diris laŭte, rapidigante sian marŝon. » Mi tiel deziras lin revidi. Mi forlasis lin princon, mi revidas lin » reĝon. Mi ankaŭ ŝanĝiĝis ; de milisto, mi fariĝis vendisto de » ligno . » kaj li ridis.

» La filo demandis lin : « Se li vidus vin, ĉu li rekonus » vin »?

La vendisto ekridis.

« Kion vi pensas,» li respondis; «li havas aliajn aferojn en sia » kapo. Li, Umberto, estas unu sola viro ; ni estis mult- » nombraj kiel la muŝoj, kaj poste, ĉu li devus rigardi ĉiujn unu » post alia ?

Ni alvenis en la Via Vittorio Emanuele; multaj personoj iris al la stacidomo. Pasis kompanio da Alpanoj kun trumpetoj. Pasis ankaŭ du pafilistoj ĉevalrajdantaj galope. Estis bela, hela vetero.

«Jes,» diris la patro de Koretti, entuziasmiĝante,» estes por » mi vera kontentiĝo lin ree vidi, lin, la generalo de mia » regimento. O! kiel mi rapide maljuniĝis. Ŝajnas al mi kvazaŭ » hieraŭ: mi portis la tornistron sur la dorso kaj la pafilon » en la mano, kiel dum la mateno de la 24a Junio, kiam, » dum teruriga tumulto, oni ekkomencis interbatali. Umberto » rajdis kaj rerajdis kun siaj oficiroj, dum la pafilego tondris » en la malproksimeco, kaj ĉiuj rigardis lin kaj diris: Donu » Dio ke neniu el la kugloj estu por li! Milo da mejloj de » mi estis la penso ke, post kelkaj momentoj, mi min trovos » en lia proksimeco, ĝuste antaŭ la lancoj de la Austrujaj ulahnoj; » ili ne estis kvar paŝojn de ni, miaj infanoj! Estis bela tago, » kaj la ĉielo estis kiel spegulo; sed, kia varmego! — Ni vidu » ĉu ni povas eniri».

Ni alvenis apude la stacidomo. Tie sin trovis granda popolamaso, veturiloj, policistoj, pafilistoj, societoj kun siaj flagoj. La muzikistaro de ia regimento ludis. La patro de Koretti provis alveni sub la pordego sed oni malpermesis tion al li. Tiam li pensis ke plej bone estus serĉi lokon en la unua vico de personoj kiuj sin trovis ĉe la elirejo, kaj farinte trairan vojon per la kubutoj, li sukcesis ankaŭ nin puŝi antaŭen. Sed la popolamaso sin movadis kvazaŭ marondoj de la unu al alia flanko. La lignovendisto ĉirkaŭpremis la unuan kolonegon de la pordo tra kiu la gardisto neniun lasis pasi. «Venu kun mi» li diris subite, tiris nin antaŭen per la manoj, trairis la liberan spacon per du saltoj kaj lokigis sin kun la ŝultroj kontraŭ la muro. Alkuris subite policisto al li kaj diris: «Tie oni ne » povas stari.»

— «Mi estas de la kvara bataljono de la 49a» respondis Koretti, montrante siajn medalojn.

La policisto lin rigardis kaj diris: » Restu.»

— «Ĉu mi ne diris al vi? ekkriis triomfe Koretti. «Tiu » kvara bataljono de la kvardeknaŭa estas magia vorto. Ĉu mi » ne havas la rajton vidi iomete facile la generalon, mi, kiu » estis de la kvara bataljono? Se mi vidis lin tiam de prok- » sime, ŝajnas rajte ke mi vidu lin nun ankoraŭ de proksime. » Kaj mi diras: generalon; sed li estis nia bataljonestro, ja, » dum granda duonhoro. Ĉar en tiu momento dum la plej » forto de la batalo, li komandis la bataljonon, li, kaj ne la » majoro Ulrich, per Dio?»

Intertempe oni vidis en la atendsalono kaj ekstere grandan ĉirkaŭkuradon de sinjoroj kaj oficiroj kaj antaŭ la pordo sin trovis la veturiloj kun la ruĝe vestitaj lakeoj.

Koretti demandis al sia patro : « Ĉu princo Umberto havis » glavon en mano kiam li estis en la kvara bataljono? »

— « Li devis certe porti glavon en mano » — li respondis — « por repuŝi la batojn kiuj povus trafi lin, sammaniere kiel » la aliajn. O! diabloj malkatenigitaj. Ili venis malantaŭen al « ni ; kiel kolero de Dio, ili venis. Ili tordis sin inter la grupoj, » la kvadratoj, la pafilegoj kiuj ŝajnis turnigitaj de uragano, » kaj ili ĉion faligis. Estis intermiksaĵo da Aleksandranaj ĉevalist- » oj, Foggiaj lancistoj, infanteristoj, ulahnoj, bersalieroj ; estis » inferno tia, ke oni nenion plu aŭdis nek vidis. Mi aŭdis krii : » Moŝto, moŝto ; mi vidis la falantajn lancojn, ni ekpafis la » pafilojn ; sin levis nubo de polvvaporo kiu ĉion kovris... Poste » la vaporo supreniris. La tero estis kovrita per la korpoj de » la vunditaj kaj mortiĝintaj ĉevaloj kaj ulahnoj. Mi turnis » min kaj mi vidis, meze de ni, Umberton sur ĉevalo, kiu » rigardis kviete ĉirkaŭ li, kvazaŭ por diri : « Ĉu neniu el miaj » infanoj estas vundita ? Kaj ni ĉiuj kriis : « Hurrah ! » kvazaŭ » ni estis freneziĝintaj. Dio mia, kia momento ! Jen alvenas la » veturilaro. »

La muzikistaro ludis, la oficiroj alkuris, popolamaso ekstaris sur la piedfingroj.

« Li ne eliras nune,» diris militisto ia, «nun oni faras parol- » adon. »

La patro de Koretti ne povis plu resti kviete. « Ho ! »li diris, » kiam mi pripensas tion, mi vidas lin ĉiam antaŭ mi. Li restis » ĉiam tiel kvieta antaŭ honoroj kiel antaŭ tertremegoj, kaj antaŭ » ĉio mi havas lin ĉiam en mia memoro, kiel mi vidis lin tiam, » meze de ni kun lia trankvila vizaĝo. — Mi estas certa pri tio ke » li ankaŭ rememoros la kvaran bataljonon de la 49a, kvankam » li estas reĝo, kaj estus plezuro por li se li havus ĉe sia tablo » kunigitajn ĉiujn ilin kiujn li tiam vidis ĉirkaŭ si. Nun li estas » ĉirkaŭata de generaloj, moŝtaj sinjoroj kaj lakeoj ; tiam li havis » nur malriĉajn militistojn ĉirkaŭ si. Se ni povus nur interŝanĝi » kvar parolojn, mi kaj li ! Nia dudekdujara generalo, nia princo, » kiu estis fidita al niaj bajonetoj. Dekkvin jarojn mi ne vidis lin » — nian Umberton. — Ho ! parolo de honoro,tiu muziko boligas » mian sangon. »

Entuziasmplena jubilado haltigis lin ; miloj da ĉapeloj en alton leviĝis ; kvar sinjoroj nigre vestitaj eniris la unuan veturilon.

«Estas li», ekkriis Koretti, kaj li restis starante kiel sorĉigita. » Tiam li diris trankvile : « Sankta Patrino de Dio, kiel li fariĝis » griza. »

Ni tri ĉiuj malkovris la kapon ; la veturilo dolĉe iris antaŭen, meze de la popolamaso kiu jubiladis kaj levigis la ĉapelojn. Mi rigardis la patron de Koretti. Li ŝajnis al mi alia homo ; li ŝajnis al mi fariĝinta pli granda, pli serioza, kaj iomete pli pala ol antaŭete dum li ankoraŭ apogis sin kontraŭ la kolonego.

« Hurrah » kriis multe da voĉoj.

« Hurrah » kriis Koretti, pli forte ol ĉiuj aliaj.

La reĝo rigardis lian vizaĝon kaj dum unu momento lasis ripozi siajn okulojn sur la tri medaloj. Tiam Koretti perdis la spiritkvieton kaj laŭtege li kriis : « Kvara bataljono de la 49a. »

La reĝo, kiu jam turnis sin je l' alia flanko de la veturilo, sin returnis al nia flanko kaj rigardegante Koretti je la okuloj, li tendis sian manon el la veturilo.

Koretti saltegis antaŭen kaj premis la manon. La veturilo daŭrigis sian rajdon : la popolamaso ĝin akompanis kaj nin disirigis kaj ni perdis Koretti, ne plu vidinte lin. Tuje post ni lin retrovis spiregantan, kun okuloj malsekaj, vokantan nome sian filon kaj tenantan sian manon alte. Lia infano saltis al li kaj la patro kriis «Venu, ideto, nun mia mano estas ankoraŭ varma», kaj li streĉis per la mano la vizaĝon de sia filo dirante : « Jen, » kareso de l'reĝo. »

Kaj tiam li restis staranta kvazaŭ sonĝante, kun okuloj fiksitaj sur la malproksimiĝanta veturilo, ridetante, tenante sian pipon en mano, meze de amaso da scivolemuloj kiuj lin rigardis.

«Estas ano de la kvara bataljono de la kvardeknaŭa,» ili diris. — « Estas militisto kiu konas la reĝon. » — « Kaj la reĝo lin re- » konis. » — « Li tendis lian manon al reĝo » — « Li donis petskrib- » on al la reĝo », diris pli laŭte iu el la ĉirkaŭestantoj. — « Ne, » respondis Koretti, sin subite turnante. — « Mi nenian donis pet- » skribon al li. Ion mi donus se li petus ĝin al mi.

Ĉiuj rigardis lin . . . . . . . . , . . . . . . . .
kaj li respondis simplege : « Mian sangon ».

*Esperantigis* OSCAR VAN SCHOOR.

---

## DIVERSAJ SCIIGOJ

La firmo E. Bastyns, Oficiala Fotografisto de la 7a Kongreso eldonis belan serion da 25 ilustritaj fototipiaj poŝtkartoj riprezentantaj vidaĵojn de la Sepa Kongreso. La vidaĵoj riprezentataj estas elektitaj inter la plej belaj fotografaĵoj faritaj dum la Kongreso.

La prezo de la serio da 25 poŝtaj kartoj estas tre malalta ; nur 2 frankojn (o.800 sm.) afrankite sendita tra tuta la mondo. Rabato p·o kvantoj.

**Deziras korespondi.** — S-ro R. Turner, 2, Barry Road, Dulwich, London S. E. deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj aŭ leteroj kun samideanoj en aŭ ĉirkaŭ la urboj Oostende kaj Brugge.

## NEKROLOGIO

Dum la monato de Septembro la morto forprenis en Antverpeno **S-ron LOUIS JANSEN**, unu el la plej malnovaj membroj de la Antverpeno Grupo Esperantista. Li prenis ageman parton en la vastiĝo de tiu grupo, al kiu li ĉiam estis preta konsenti sian kunlaboron.

Ni prezentas al S-ino Jansen, ankaŭ esperantistino, kaj al ŝia familio niajn plej sincerajn kondolencojn.

---

La Antverpena Grupo perdis ankoraŭ unu el siaj membroj. Dum la monato de Oktobro **Fraŭlino Jeanne SMITS**, estis forprenita de la fervoro de sia familio kaj la estimo de siaj amikinoj. Longdaŭra malsano ŝin tenis, malgraŭ ŝi, malproksime de la esperanta movado, al kiu ŝi ŝatis partopreni. Ni prezentas al ŝia familio en tiuj dolorigaj cirkonstancoj, niajn plej sincerajn kondolencojn.

## Solvoj de la Problemoj 1910-1911

1\. — TIOM
INDA
ODOR
MARO

2\. H elpi
E liro
L ago
P aro
I denta

3\. Romano.

4\. — Pomo, poro, piro
Piro, pigo, figo
Figo, ligo, lago, lano, lino. Vino.

5\. — i — li — ilo — loti — italo — baloti — bolitaj — labiatoj — bataloj — tabloj — blato — balo — obl — lo — o.

6\. —

```
        a   b
        v i p o
        i d e o n
        d o r o
  a v i d a b n e n i o
    i d o r e e l a ŭ
      e b e l g o j
    p o r e g e i l i
  b o n o n o e t a t o
        e l i t
        n a j l o
        i u i t
        o   o
```

7\. — F ero
E liro
L ano
I denta
Ĉ ambro
A bono
N ajlo

J odo
A ludo
R abata
O do
N ombro

8. — Pluveto ĉesigas ventegon.

9. — e — re — ero — relo — *orelo* — rolo — oro — ro — r.

10. — O — rat — oro.

11. —

| | | |
|---|---|---|
| Avo | — o + i | = via |
| arto | — a + o | = troa |
| rifo | — o + a | = fari |
| diri | — i + o | = rido |
| neĝo | — o + i | = ĝeni |
| tablo | — l + o | = boato |
| logika | — k + l | = allogi |
| roman | — m + k | = karno |
| bopatro | — t + m | = pomarbo |
| eligi | — e + t | = gliti |
| tinio | — i + e | = tenio |

12. — 123456789 = neŭralgio.

13. — Milono — miliono.

14. —

```
                    e
      t           s d p           p
    l i a       o k u l o       p r i
  n i a s e p a k o n gi r e s o
    a r o       e t a t a       o n t
      o           o d o           o
                    o
```

15.—Nel — aŭd — ul — ata—go — nan — ta — ŭve — spe — ro.
Ne laŭdu la tagon antaŭ vespero.

16. —

```
    t e r o
    e l i r
    l e p n
t e l e g r a f i s
e l e g i o m a n i
r i p r o ĉ i n d a
o r n a m i n t a j
    f a n t
    i n d a
    s i a j
```

17. — Verkisto verkas librojn kaj skribisto simple transskribas paperojn.

18. — La vento alblovas ĉiam al plej altaj suproj : tute same la envio. Virgilio.

19. — Ludo — Budo — Bedo — Beto — Reto — Rito — Vipo — Vino — Lino — Luno — Ludo.

20. —

```
          t
        t r o
      p r e t a
    p r i   o r e
  t r i   a   o n i
t r e   a s o   i n o
  o t o   o   i r o
    a r o   i l i
      e n i r i
        i n o
          o
```

21. — En karuselo A kaj B sidas sur lignaj ĉevaloj.
A. sidas eksterne
B interne.
A. estas je 5 m. de la centro.
B. je 2 metroj.

22. — Kiso — sola — lavi — vino — nova — valo — loko — koto — tolo — loti — timo — moki.

23. —

s i l e n t i ĝ i n t e
c e n z u r i s t i n o
p o p o l a m a s a n o
a n t a ŭ i r a n t o j
f i ŝ o k a p t i s t o
e k r e n o v i g i t a
a n t a ŭ e n i r a d o
p a s e r u n g e g o j
p r a p a t r a r a s o
a s e k u r e b l e c o
i n t e r e s a ĉ a s o
o b s e r v a t o r i o

24. —

| | | |
|---|---|---|
| io | no | ri |
| tn | ro | fo |
| ze | ne | go |

*Horizontale :*
ironio — fronto — genezo.
*Vertikale :*
zenito — nerono — forigo.

PLANTANO.

## *Solvintoj de la problemoj.*

Nombro de la solvotaj problemoj : 24.
Solvis :

Antaŭenano (Beyne-Heusay), Logaritmo (Antverpeno) : 23 probl. ; Serezano (Seraing) : 21 ; Tiflisano (Tiflis) : 20 ; S-ino Bastoul (Dijon) : 19 ; Mertens (Bruselo) : 17 ; Juljac (Contich) : 16 ; F-ino Posenaer (Borgerhout) : 11; Honoridino (Brugo) ; 9 ; Bacquet (Pihen) : 6 ; Doué (Paris), Kempe (Radebeul) : 5 ; Bresson (La Flèche), Efeĉel (Boston), Eggleton (Haŭbinda), Ka-sto (Casteau), Tétaud (Cholet) : 3 ; Cnossen (De Jutryp), Blistin (Liége) : 2.

**Premioj** estos sendataj al la 7 unuaj solvintoj, kiuj solvis pli ol la duonon de la problemoj.

La *pseŭdonime* respondintaj gajnintoj estas petataj sin konigi kaj doni sian adreson al S-ro FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45, *antaŭ la 1ª de Decembro 1911.*

En nia proksima numero ni komencigos novan serion da problemoj.

# HUMORAĴOJ

*Li :* (prezentante la paperon) : Plej nova ido de mia muzo atestu al vi, kiom mi adoras vin !

*Ŝi :* kio ? vi jam havas infanojn, kaj vi tamen kuraĝas peti mian manon ? !

——

*La mastro* (al servistino) : Lizo, mia edzino ne povas plu resti kune kun vi ; ŝi diris : aŭ vi devas for de la domo mia, aŭ ŝi !

*La servistino :* Tiel ? — bone ! kaj kiam favora sinjorino pensas forvojaĝi !

——

*Instruisto* (al lernantoj) : Nu, kiu el vi scias diri al mi : de kia sekso estas ovo ? !

*Lernanto :* Oni tion ne povas scii antaŭ ĝia koviĝo.

——

LA SUFIĈA ARGUMENTO.

Iu serbo havis proceson ĉe kadija-o (turka juĝisto) kaj kvankam li estis en rajto, la kadija-o ĉiam prokrastadis la finiĝon de la proceso, serĉante novajn pruvojn. Laŭ konsiloj de siaj amikoj, li enmetis bankan bileton de 300 groŝoj (turka mono) en la lastan leteron, kaj donante ĝin al kadija-o, diris : jen la novajn pruvojn !

Kiam la kadija-o disvolvis la leteron kaj vidis kio estas en ĝi, akre kriis :

— Azenaĉo ! posedi tiajn novajn grandajn pruvojn, — kial ne tuj ilin doni !

——

*La edzino* (koleriĝas, tial ke ŝi ne povas surmeti novan veston) : Eble diablo estas en ĝi !

*La edzo :* Ankoraŭ ne, kara edzino, nur kun vi ĝi eniras en ĝin ?

——

SINCERA KORESPONDO.

*Ŝi :* « Sendu al mi tuj 70 kronojn, ke mi pagu novan robon. Via Jela. — N.B. Jen mi forgesis sendi al vi unu kison ! »

*Li :* « Mi sendas al vi 70 kisojn. Via Niko ? N.B. Jen mi forgesis sendi al vi monon !

——

*Instruisto :* Kiu scias diri al mi ion tre, tre malnovan ?

*Lernanto :* Mi petas vin, vian ĉapelon.

——

JE LA TELEFONO.

— Alo ?

— Alo !

— Mi petas vin kunligu min kun fraŭlino N. N.
— Mi ne povas tion fari, iru al parohestro!

*Instruisto* (al lernantoj): He, kiu el vi scias diri: kio estas miraklo?
*Lernanto*: La miraklo estas tio, kiam mia patro revenas malebria, diras mia patrino.

*A*: Mi petas vin, ĉu vi povas diri al mi: kie loĝas dentkuracisto?
*B*: Tre bone mi scias: iru laŭ tiu ĉi strato, kaj tiam maldekstren, tiel vi ja aŭdos kriegojn.

ESPERANTIGIS R. M. CHUPICH,
*Danilovgrad (Montenegro)*

## Gratuloj

Kun grandega plezuro ni estis informitaj pri la fakto ke Gesinjoroj Jules Clerbaut (Boom) kaj Gesinjoroj Emilio Baez (St Gilles-Bruselo) ricevis viziton de la storko, kiu donacis al ambaŭ feliĉaj paroj belan infanon. Al ili nian plej samideanan gratulon!

Se ni havus pli da spaco en tiu ĉi numero, ni detale raportus pri la ĝentila festo, kiu okazis inter la membroj de la St Gilles, a Grupo « Antaŭen » por festi la bapton de F-ino Karmen Baéz. Ni nur notu ke la baptinta pastro kaj la baptopatro estas respektive Pastro Richardson kaj nia samideano F. Mathieux. Konstatinte ke la feliĉa patrino estas fervora esperantistino kaj ke la fierega patro estas prezidanto de la nomita grupo, ni tute ne dubos pri la lingvo kiun F-ino Baéz parolos.

## LASTHORE

**« Honoro ».** — Ni sciiĝas kun granda plezuro ke nia Amiko D-ro W. Van der Biest, la simpatia sekretario de la Sepa estas ordenigita de la Kruco de Zaragoza. Tiu hispana ordeno kiun oni tre malofte donacas, estas speciale kreita por literaturistoj kaj verkistoj.

Belga Esperantisto prezentas al la distingita samideano siajn plej sincerajn gratulojn.

**Nova venko.** — Ni legas en la « Gaceta de Madrid »:
« La Ĝenerala Direkcio de la Publika Instruado komunikis » al la Rektoro de la Centra Universitato la jenan decidon:
« La instruado de Esperanto estas permesata en la oficialaj » lernejoj, sub la gvidado de profesoroj prezentitaj de la esper- » antaj societoj kaj elektitaj de la profesoraro de ĉiu lernejo. »

Tiun gravan progreson ni certe ŝuldas al niaj bonaj amikoj kaj fervoraj propagandistoj S-roj Kapitano Perogordo kaj Rafael San Millan, al kiuj iras niaj dank- kaj gratulesprimoj.